DIMANĈO 5 AŬGUSTO 1906. Unu Numero : 10 CENTIMOJ DUA JARO. — N° 21.

# ★ ESPERANTO ★

·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·

Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
**GENÈVE (Svisl.) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)**

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj, **4** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribajo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | | 24 sinsekvaj numeroj | |
|---|---|---|---|
| 10 Kopioj | fr. **10** | 10 Kopioj | fr. **24** |
| 24 » | » **20** | 24 » | » **48** |

*La venonta n-ro de « Esperanto » eliros*
*DIMANĈO 12 AŬGUSTO.*

## PARTO OFICIALA

### SUB VERDA STANDARDO

Sendube oni ankaŭ iom laboros en Genevo, kiel en Bulonjo, sed ĉefe oni multe ĝojados, kiel ankaŭ en Bulonjo, ĉu ne vere ?

Ho severegaj samideanoj, ne riproĉu, mi petas, ne tro riproĉu tiujn malseriozajn parolojn ; ni havos en Genevo tri aŭ kvar laborkunvenojn kies detala programo zorge prepariĝas. Sed, vere, tute malkaŝe, kiuj estas viaj plej belaj rememorajoj el Bulonjo? Diru, konfesu, ĉu estas...?... Vimin interrompas, ĉu ne? La plej belaj rememoroj viaj estas la malferma kunveno, la aplaŭdegado al D-ro Zamenhof, la gajaj interparoladoj kun ĉiulandaj amikoj, la kunpromenadoj, la festeno kun la diverslandaj paroladintoj, la vojaĝoj, unuvorte ĉiuj momentoj, kiam vi plej forte sentis tiun ne esprimeblan fratecan spiriton, kiun vi ŝatas, kaj kiun prikantas niaj esperantistaj poetoj, kaj la unua el ili D-ro Zamenhof, nia amata majstro.

Do, en Genevo ni deziras havigi al vi multajn tielajn momentojn, tiamaniere ke vi povos ĉi-tie fari grandan kolekton da ĉiamaj belaj memorajoj, ne el tiuj memorajoj, kiujn oni tre kare aĉetas en specialaj « magazenoj por turistoj », sed el tiuj memorajoj, kiuj gravuriĝas en la koro kaj redonas fortajn impresojn ĉiufoje kiam oni ilin repensas.

Merkredon 29-an de Aŭgusto, tagmeze, ni havos grandan festenon en la Promenejo des « Bastions » sub speciala ŝtofa tendajo. La kosto de la festena karto estas Fr. 2.50. Ni preferis ne havi riĉegan manĝon kaj malaltigi la prezon tiamaniere ke ĉiuj senescepte povos partopreni al tiu bela festeno, dum kiu, inter la belegaj arboj de l'parko, ni povos manĝante interparoladi, aŭdi muzikon, aŭdi paroladojn kaj ankaŭ trinki je la vivo de nia lingvo kaj de ĝia kreinto.

La jaŭdo 30-a estos sendube la plej bela tago en la tuta kongreso. Ni enŝipiĝos matene sur specialan grandan vaporŝipon ornamitan per verdaj flagoj, kaj ni veturados sur la blua lago admirante ĝian belegan ĉirkaŭajon de pentrindaj pejzaĝoj kaj imponaj montoj. Ni pasante salutos la francan bordon de la lago kaj poste la malnovajn murojn de l'kastelo de Chillon. En Vevey, ni estos oficiale akceptataj de la urbestraro. Bela ceremonio, kun muziko ĉiuj ni iros al la granda hotelo, kie okazos nia granda tagmanĝo kun oficialaj paroladoj, ktp. Poste, ni havos kelkajn horojn por viziti la ĉirkaŭajon de Vevey. Por tiu bela festo, la karto kostas nur 5 fr. kaj ĝi donos rajton por grandaj rabatoj ĉe ĉiuj ĉirkaŭaj montaj vagonaretoj. Post tagmanĝo ni povos do supren veturi tre rapide sur kelkajn montsuprojn por ĝui belegan vidajon.

Vespere ni revenos Genevon, per nia ŝipo, kaj kiam, reeniĝante la belan havenеton de Genevo, kiam ĉiuj lumoj de l'bordstratoj kaj pontoj briligados kolorajn fajrorubandojn sur la akvo, tiam pasante inter ambaŭ lumturetoj de l'haveno, ni povos kanti unuvoĉe nian himnon kiu vibre sonos sub la stelplena ĉielo antaŭ la gastanta urbo. Neniu volos foresti tiun belegan tagon. La ŝipveturado estos senpaga por la kongresanoj, sed kompreneble oni akceptos sur la ŝipon nur tiujn kiuj havos la festkartojn por Vevey, ĉar ni devas ĉiuj ĉeesti je la belegaj akĉeptoceremonioj, kiuj preparas al ni la tiea urbestraro. Ni estas certaj, ke ĉiuj kongresanoj sin enskribos por tio.

Ankaŭ la tagoj de l'vojaĝo tra Svislando estos tre belaj. Vi povas legi en tiu ĉi paĝo de la gazeto la detalan programon kaj la prezon. Por veturado sur montaroj, sur lagoj kaj tra lando, por manĝado kaj dormado, vere la organizanta kompanio postulis tre malkaran prezon, kaj ni ankaŭ esperas ke multaj partoprenos.

Por bone organizi ĉion, estas facile kompreneble, ke ni devas tre baldaŭ koni la nombron de la partoprenontoj, tial ni petas ke, *por la granda festeno, por la festo kaj manĝo en Vevey, kaj por la vojaĝo tra Svislando, oni sin enskribu, ĉiaokaze, antaŭ la dekvina de aŭgusto.* Tiuj, kiuj sin enskribus poste, riskus ne plu ricevi lokon, ĉar la nombro de la lokoj estos tiam limigita.

Nu, post tiuj kelkaj materialaj montroj, mi ripetas al ĉiu tiun koran alvokon : ne forgesu enskribi vin por la festoj, tiamaniere ke vi povos pasigi, sub nia bela verda standardo, horojn kies plezuro restos en via koro longe post la kongreso. Vi kantos kun ni :

« Ni rigardu l'estonton. »

E. P.

### DUA KONGRESO UNIVERSALA
### en Ĝenevo.

*(de la 28ª de Aŭgusto ĝis la 6ª de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

#### ALIĜOJ

*Oficiala kongreskarto* (verda karto : 10 fr.).

Ĉiu, kiu aĉetos tiun karton, havos rajton ĉeesti je ĉiuj ajn kunvenoj de la Kongreso. ricevi ĉiujn dokumentojn necesajn por la laborkunvenoj, kaj ankaŭ aĉeti 1, 2, 3 aŭ 4 *familianajn kartojn* (blankaj kartoj : 5 fr.) por anoj de sia familio.

La kongresanoj estas petataj sendi sian aliĝon la plej eble frue por faciligi la laboron de la oficistoj kaj malpezigi la troŝarĝon dum la lastaj tagoj. La personoj kiuj prenis sur si la centrigon de la aliĝoj estas treege petataj sendi tiujn al ni regule je certaj datoj, sen atendi la lastan momenton por sendi ilin kune.

Monon oni sendu nur al la kasisto de la Loka Organiza Komitato, S-ro Jira, 7, str. des Vollandes, kaj ne al alia nomo.

La kasisto petas, ke la sendontoj bonvolu klare skribi siajn nomojn kaj eldiri detale sur la dorso de la kupono pro kiaj aferoj ili sendas la monon.

Ekz. S-ro X sendas 100 fr. kies :
10 fr. por aliĝo ;
15 fr. por 3 invitatoj ;
35 fr. por 7 tagoj de loĝado ; la ceteron kiel donaco al la kaso de l'Kongreso.

Por la poŝtaj kaj bankaj mandatoj, la sendantoj volu kalkuli, ke ofte ni ricevas perdon je la ŝanĝo, kaj en tiaj okazoj aldoni la diferencon.

#### PROGRAMO

*Mardo 28ª de Aŭgusto.*

8 h. 1/2 vesp. — Victoria-Hall. — Solena malfermo de l'kongreso.

*Merkredo 29ª de Aŭgusto.*

*Matene*, en Universitato. — Preparaj kunvenoj (komisioj, sekcioj, k. t. p.).
*Tagmeze.* — Oficiala festmanĝo.
*Posttagmeze*, en Universitato. — Unua kunveno ĝenerala.
*Vespere.* — Teatra riprezento.

*Jaŭdo 30ª de Aŭgusto.*

Ekskurso sur Leman lago ; — Ricevo en Vevey de la estraro ; — Festmanĝo.

*Vendredo 31ª de Aŭgusto.*

*Matene*, en Universitato. — Dua Kunveno ĝenerala.
*Posttagmeze.* — Ricevo de la kongresanoj de H. Thudicum, en Châtelen'a parko ; — Visito de la Ariana Museo.
*Vespere.* — Granda balo.

*Sabato 1ª de Septembro.*

*Matene*, en Universitato. — Kunveno de la komisioj.
*Posttagmeze*, en Universitato. — Tria Kunveno ĝenerala.
*Vespere*, en Victoria-Hall. — Solena fermo de l'kongreso.

*Dimanĉo 2e de Septembro.*

Tago lasota al libera inklino de la kongresanoj. Diversaj kunvenoj.

*Lundo 3ª, Mardo 4ª, Merkredo 5ª de Septembro.*

Ekskurso en Svislando : Genève, Montreux-Oberland, Spiez, Interlaken, Mürren, Berne, Genève. Vidu poste programon.

#### LOĜADO

La Kongresanoj, kiuj deziras antaŭmendi ĉambrojn, estas petataj informi nin je la sekvantaj punktoj :
1-e dato de alveno ;
2-e kiom ili volas pagi sian ĉambron ;
3-e apartaj deziroj.

Samtempe ili pevas sendi la respondan monsumon al nia kasisto, S-ron Jira, 7, str. des Vollandes. Nenian monon oni sendu al alia nomo.

La prezoj de la ĉambroj, en la kongresa sezono estas ordinare :

En unuaklasaj hoteloj, 6 fr. por unulita ĉambro, 10 fr. por dulita.

En duaklasaj hoteloj, 4 fr. por unulita ĉambro, 6 fr. por dulita.

Fn privataj domoj, 3 fr. por unulita, La komisio povos ankaŭ havigi komunajn dormejojn por 1 fr. ĉiu lito, kaj samtempe informos nin pri la nombro de anoj, kaj la dato de la alveno.

*Por la komisio de loĝado :*
J. LAMON.

#### VOJAĜOJ

Oni tre ofte demandas la lokan Komitaton pri la vojaĝoj, rabatoj fervojaj, ŝipaj, kc.

Por la parto de l'vojaĝo farota ekster Svislando, oni devas sin turni al la naciaj societoj, kiuj solaj povas sin okupi pri tio.

Por la parto trairota en Svislando, la Federaj Fervojoj donas nenian rabaton. Sed estas tarifo de transporto je rabato prezo por la personoj ope vojaĝantaj.

#### FESTOJ & FESTENOJ

*Merkredo 29 Aŭgusto.* — **Granda oficiala Festeno,** en la kiosko des Bastions.
Prezo de la festena karto : Fr. 2.50.

*Jaŭdo 30 Aŭgusto*, dum la ŝipveturado sur la Lago. — **Granda festeno en Vevey,** kun festo, oficiala akcepto, rabatoj sur la ŝnurtramoj ĉirkaŭaj, ktp.
Prezo de la festa karto : Fr. 5.—.
Sin enskribu antaŭ la 15-a de Aŭgusto.

#### EKSKURSOJ

La Loka Organiza Komitato preparas oficialan ekskurson tra Svislando. Jen la programo de tiu ekskurso :

Lundi 3 sept. — Foriro de Genevo ; tagmanĝo en Montreux ; per Montreux-Oberland fervojo ĝis Interlaken, vespermanĝo, nokto.

Mardo 4 sept. — Ekskurso kaj tagmanĝo en Mürren ; reveno, vespermanĝo kaj nokto en Interlaken.

Merkredo 5 sept. — Foriro ; tagmanĝo en Bern ; reveno en Genevo.

Kosto (kalkulante vojaĝon, manĝon kaj ĉambron) ; II-a klaso : Fr. 57.— ; III-a klaso : Fr. 47.50. Por tiuj, kiuj forlasos la anaron en Berne : II-a klaso : Fr. 52.— ; III-a klaso : Fr. 43.50.

Sin enskribu antaŭ la 15-a de Aŭgusto.

## PARTO NEOFICIALA

### Universala Kongreso de la Societoj
#### POR KRISTANA AGADO

En Genevo nune okazas tiu kongreso, kiu estas unu el la unuaj en kiu Esperanto havas sian indan lokon de internacia komprenilo; kvankam ankoraŭ nur en rilate malgranda nombro de personoj. Lundon 30-an de julio okazis impona ceremonio en la preĝejo de l'Oratoire, ornamita je tiu okazo per flagoj kaj devizoj Esperantistaj.

Post preĝo de S-ro Anderson, pastro en Norveglando kaj ĥora kanto, S-ro Horace Dutton, pastro en Usonalando, kaj vic-prezidanto de la Kongreso, faris la jenan paroladon :

Parolado de R-da Pastro Horace DUTTON :

*Geamikoj en Jesuo Kristo,*

Unue mi deziras saluti vin Laŭ mia opinio, tiu ĉi kunveno estas tre grava afero, kaj novajo en la kristana eklezio, ĉar ni kuvenas tie kiel kristanoj uzante nur unu lingvo sentraduko.

Eble ni ne estas ankoraŭ lertaj Esperantistoj, ni estas nur komencantoj, sed ni havas bonan esperon kaj deziron fari progreson en esperanto. Eble proksima jaro vidos progreson.

Ni havas ankaŭ kunvenantajn kun ni kelkajn amikojn, kiuj ne estas nune kristanajn Endevistojn, sed kiuj alvenas por helpi nin. Ni estaj mallertaj Esperantistoj, kaj ni bezonas helpon. Ni estas tre dankemaj al tiuj amikoj pro tiu helpo kaj ni esperas, ke ili sentas sin bonege.

Kiel ni, ili multe deziras rompi kaj detrui la barilojn lingvajn, antaŭenigi la homan unuigon.

Tiu kunveno estas tute libera. Mi petas : Ne atendu por aŭdi vian nomon elvokitan. Mi ne scias kiuj deziras aŭ kiuj intencas paroli en Esperanto Vorto de Dio estas : « *Tie estas la libereco, kie estas la Spirito de nia Sinjoro.* »

Ni deziras diferencigi tiun ĉi kunvenon de nia dua kunveno, kiu okazos proksiman merkredon posttagmeze.

La merkreda kunveno estas por propagando ; oni parolos germane, france kaj angle.

Nune oni kunvenas kiel Esperantistoj, por praktikaj celoj

Ni devas pripensi pri kelkaj aferoj, kaj decidi ilin. Ni devas elekti komitatojn, kiuj povas raporti ĉe la merkreda kunveno.

Bonvolu permesi min proponi kelkajn aferojn, kiuj devas esti deciditaj.

1). Traduko en Esperanto de nia nomo « Christian Endeavour ».

2). Pri nia signo aŭ pinglo.

3). Ni multe bezonas ideojn pri nia uzado de Esperanto en nia agado kiel kristanaj Endevistoj.

Permesu min mallonge klarigi tiun ĉi demandojn.

1). Unue ni uzis la vorton *klopodo* por traduki nian nomon « Christian Endeavour ». Sed oni ne ŝatas tiun vorton : ne estas vorto belsona, kaj ĝia signifo diferencas de nia frazo « Christian Endeavour ».

Estas multaj vortoj uzeblaj : — Klopodo, Klopodistoj ; Agado, Agadistoj ; Penado, Penadistoj ; Aktivo, Aktivistoj ; Endevo, Endevistoj, kaj Sekvantag, Sekvantistoj.

Eble ni bezonas elekti komitaton por pripensi pri tiu ĉi traduko. Tiu komitato devas konsisti el spertaj Endevistoj kaj lertaj Esperantistoj.

2). Pri nia signo.

Tiu ĉi estas ankaŭ grava afero, kiu devas esti nune decidata. Laŭ mia opinio ni bezonas havi nian propran signon, kaj ankaŭ tiu ĉi signo devas havi la verdan Esperantan koloron. Mi proponas, ke ambaŭ aferoj — nome, la traduko de la nomo kaj afero de la signo — devas esti fordonitaj al sama komitato.

3). Sed mi rapidas al nia tria demando pri praktikaj ideoj La demando estas : — kiamaniere povas Esperanto fariĝi la plej granda bono al nia kristana Endeva Movado ?

Kompreneble oni deziras pripensi pri Esperanto, kiel rimedo ne kiel celo, kaj ni deziras uzi ĝin por la gloro de Dio, kaj por antaŭenigi la regnon de ĉielo.

Laŭ la tempo donita al tiu afero, nia esperanta progreso dum la pasintaj ses monatoj estas rimarkinda. Niaj gejunuloj komencas lerni Esperanton.

Profesoro Wells, redaktoro de nia « Christian Endeavour World » parolos pri tiu progreso. Oni deziras ankaŭ aŭdi de aliaj fratoj pri tiu progreso.

Kompreneble ĉiuj ĉeestanjoj deziras aŭdi kiamaniere oni povas uzi Esperanton, kiel rimedon en nia Kristana Endeva Movado.

La via demando, se mi komprenas viajn pensojn, estas iom kiamaniere.

Cu estas Esperanto praktika afero por ni? Ni havas multajn laborantajn junulinojn, kiuj ne havas tempon aŭ monon por elspezi, kaj kiuj estas iom mallertaj. Cu tiuj ĉi tie okupataj kaj mallertaj aktivistoj povas lerni Esperanton?

Tie ĉi niaj vizitantaj amikoj povas helpi nian pripenson.

Sinjoro Privat kaj Pastro Schneeberger kaj Sinjorino Junck povas sciigi al ni pri la multaj grupoj en Anglolando, kaj tra Europo, kaj ĉie tra la tuta mondo, kiuj kunvenos kaj entuziasme lernas Esperanton.

Lastan semajnon Dro. Clark kaj mi vizitis Esperantan grupon de Endevistoj, kiun S-ro Privat instruas. Tiu ĉi grupo lernis nur dum tri aŭ kvar semajnoj, sed ni aŭdis la anojn parolantajn Esperanton kun granda intereso,

Profesoro Wells povas paroli pri la granda progreso en la Unuigitaj Statoj.

La internacia kunvena uzado de Esperanto ne estas la plej grava profito, kiu povas esti antaŭvidata de tiu ĉi movado, Ni kunvenas en Kongresoj nur tre malofte, kaj ankaŭ malmultaj aktivistoj alvenas al tiaj kunvenoj.

La granda demando estas: ĉu profitos Esperanto al la gejunuloj kiuj ne provas viziti niajn internaciajn Kongresojn? Cu Esperanto profitos la ordinaran neinstruitan homon?

La sukceso aŭ malsukceso de tiu internacia lingva movado dependas de la respondo al tiu demando La riĉulo povas sendi sinajn infanoj al du aŭ tri fremdaj landoj por lerni fremdajn lingvojn, sed la malriĉa ne povas sendi siajn infanojn al fremdaj landoj. La nuna lingva metodo estas por riĉuloj, ne por malriĉuloj, kaj mi repetas mian demandon; ĉu Esperanto povas helpi popolajn homojn por gajni iom da tiu profito kiun ricevas la riĉaj gejunuloj el la lernado de fremdaj lingvoj.

Tiu ĉi demando estas tre grava, kaj mi esperas ke vi respondos al ĝi.

S-ro Mercier-Odier, ĝenerala sekretario de la Kristana Kongreso legas tiam salutan leteron de D-ro Zamenhof al la Kongreso:

Varsovio, 19-an de Majo 1906.

Tre estimata Sinjoro!

Mi sendas mian koran dankon al vi kaj al la organiza komitato del la Kongreso por la tre afabla kaj min tre honoranta invlto. kiun mi ricevis de vi. Estus por mi granda plezuro. se mi povus plenumi vian deziron, kaj mi scias, ke per parolado en via tre grava Kongreso mi farus ankaŭ grandan servon al la afero de esperanto. Sed bedaŭrinde, la stato de mia sano kaj ankaŭ diversaj aliaj cirkonstancof ne permesas al mi akcepti vian afablan inviton.

Ne povante partopreni en via Kongreso, mi petas vin, estimata singoro, volu transdoni al la Kongreso mian coran saluton. Mi estas konvinkita, ke ankaŭ sen mia persona parolado, la membroj de la Kongreso komprenos kaj sento la tutan necesecon de lingvo internacia, kaj la kongreso faros pri tio ĉi ian definitivan kaj gravan decidon.

Kristo deziris, ke la homoj amu sin reciproke. Sed amo inter la homoj estas neebla, se ili ne sin komprenas; tiam unu el la plej gravaj taskoj por kiuj devas labori la amantoj de Kristo estas: fari ĉion kion ili povas, por enkonduki inter la homoj ian lingvon, per kiu siuj povus sin komprenadi, ne altrudante unu al apia sian lingvon. Kunveninte el ĉiuj partoj de la mondo, vi, membroj de la kongreso, sentos tre bone, kiel forte via multelingveco malhelpas la fortikigadon de la principoj de Kristo.

Se vi volas fari en via Kongreso ion, kio efektive estos laŭ la ordonoj de Kristo, tiam antaŭ ĉio faru en la Kongreso ian decidon. kiu ne per vortoj, sed per faroj, akcelos la reciprokan kompreniĝadon kaj amikiĝadon de la homoj, — faru decidon koncerne la enkonduko de lingvo neutrala kaj pripensu la rimedojn, per kiuj vi povas plej efike efektivigi tiun decidon. Se en via *venonta* kongreso ĉioj partoprenantoj tre bone komprenos sin reciproke, tiam vi povos kuraĝe diri, ke via *nuna* kongreso estis unu el la plej gravaj kaj plej fruktoportaj.

Kia lingvo devas esti internacia? Tio ĉi estas afero indiferenta; vi povas elekti kiun lingvon vi volas. Sed, ĉar en la nuna tempo ekzistas nur unu sola lingvo, kiu montriĝis tute taŭga por ĉiuj interhomaj rilatoj kaj havas grandan nombron da amikoj kaj laborantoj, tial ŝajnns al mi, ke la plej utila estos, se anstataŭ serĉi ion novan, vi aliĝos al tiu ĉi jam preta afero.

Via kongreso povas tre multe fari por la afero de lingvo internacia kaj interpopola fratiĝo. Mi esperas, ke via kongreso, ne sole aprobos, sed agos.

Via L. ZAMENHOF.

Tiu bela letero, ricevis grandan aplaŭdon.

Prenis la parolon poste: Pastro Amos R. Wells, el Boston, Usunalando, kies parolado estus plene citinda; pastro Schneeberger, ĉiam same elokventa kaj korprenanta: S-ro Privat, la ĝenerala sekretario de la Esperanta kongreso, kiu esprimis en longa kaj tre interesa parolado siajn kristanajn esperojn; S-ro Minod, el Sauverny; S-no Junck, kiu aplaŭdigis versajon kaj elektrigis la aŭdantaron per deklamo de « La Vojo »; S-ro Auerbach, el Eppan (Tirolo), kiu parolis pri divastigado de Esperanto inter neinstruituloj; F-no Vercellinat, italino. kiu pritraktis la utilon de Esperanto por neriĉaj fraŭlinoj kiuj junaj devas iri por gajni sian vivon per laboro eksterlanden; S-roj Dupertuis, aŭtoro de bela speciala poŝtkarto de la kongreso, kaj S-ro Bourquin, teologiisto. Multaj el la lastaj lernis la lingvon nur de tri semajnoj.

## Kelkaj praktikaj Aferoj

**Esperantistaj Hoteloj.** — Ĉiam vojaĝu kun via verda stelo fiksita ĉe via vesto. En vagono vi tre ofte renkontas personojn kiuj diros al vi: « ĉu do vi estas esperantisto, sinjoro? aŭ, kiu do estas tiu signo, kiun vi havas ĉe via butontruo? » kaj de tio vi havas okazon por paroli pri nia afero. Post kelkaj klarigoj pri la lingvo vi donos al via kunvojanĝanto ŝlosilon de Cefeĉ (ĉiu esperantisto devas ĉiam havi unu aŭ novan adepton, aŭ almenaŭ personon ne malfavoran por esperanto.

Kelkafoje ankaŭ vi renkontos samideanon kiu, vidante vian verdan stelon, tuj ekbabilados kontente kun vi, igos vin forgesi la longon de la veturado, aŭ donos al vi utilajn informojn pri la lando kiun vi vizitos; kaj la kunestantoj, mirigitaj de de via facila interkompreno, ricevos favor egan impreson pri nia afero.

Tiuj renkontoj estos precipe oftaj en la progresemaj hoteloj, kiujn Esperanto interesas, kaj ĉe kiuj mi varmege konsilas al vi, ke vi loĝiĝu dum viaj vojaĝoj aŭ restadoj.

Jen estas listo de tiuj hoteloj. Tiuj nomojn, la mastroj nun komunikis al mi, aŭ mi ĉerpis en diversaj esperantistaj gazetoj, ĉu en l'« Esperantiste », kiu de longe faras propagandon inter la hotelistoj, ĉu en « The British Esperantist », ĉu en « Tra la mondo », ktp.

La steleto montras la hotelistoj ĉe kiuj almenaŭ unu oficisto korespondas kaj parolas en Esperanto. La litero K montras la hotelojn, kiuj nur korespondas en Esperanto.

* Hotelo Reichshof, Reichenberg, Bohemlando.
* Hotelo Castiglione, Boulogne-sur-Mer, (P.-de-C.), Franclando.
* Restaurant-Hôtel, rue Wissocq et Beltene, Boulogne-sur-Mer.
* Hôtel de Paris et du Mont-Blanc, St-Armand-les-Eaux (Nord).
* Hotelo de l'Univers, Boulevard Heurteloup, Tours (I.-et-L.).
* Hotelo de la Boule-d'or, rue Nationale, Tours (I.-et-L.).
* Grand Hôtel d'Aix, Aix-les-Bains (Savoie).
* Gasthaus & Bad Bärschwil ĉe Laufon (près Bâle).
* Hôtel de l'Europe, Aix-les-Bains (Savoie).
* Hotel du Borysthène, 30, rue de Vaugirard, Paris.
* Bufedo de la Stacidomo, Mâcon (S.-et-L.).
* Pension-Hôtel Speranza, Frutigen, Berna-Oberlando, Svislando.
* Pension-Hôtel Hagen, Adelboden, Berna-Oberlando, Svislando.
* Hôtel de France, Avenue de la Gare, Beaune (C.-d'Or).
* Hôtel Eppanerhof, Eppan apud Botzen, Tirolo, Aŭstrolando.

En tiuj hoteloj, vi preskaŭ ciam trovos ankaŭ esperantistan gazeton.

**Somerrestadoj.** — Sinjoro P-ro Ch. Lambert, de la Dijona Universitato, redaktoro de « Esperanto-journal » pasigos la tutan monaton septembron en la Pension-Hôtelo, Bel-Air, en Bönigen, apud Interlaken, Svislando.

S-ro D-ro M.-A. Boubier, Prezidanto de U. E. G., pasigas grandan parton de la monatoj julio kaj aŭgusto en Pension-Hotelo Douche-Gay, en Juffly, apud Bonne-sur-menoge (Hte-Savoie).

S-ro D-ro Fromageot, vic-prezidanto de la esperantista grupo, Beaune, pasigos la finon de aŭgusto en hotelo de l'Esperance, en Marécottes, apud Salvan (Valais).

Ĉiu el ili estus feliĉa renkonti en sia somerrestejo, aliajn diverslandajn samideanojn.

**Esperantaj Oficejoj.** — Oni ne devas miri, ke la nombro de la esperantistaj komercistoj ne estas jam tre granda. Hotelistoj, al kiuj ni proponas, ke ili lernu Esperanton, respondas plej ofte: « Lerni vian lingvon postulus de mi penadon tro grandan rilate al la trafota pligrandigo de mia klientaro. « Pro tio, nur la hotelistoj, kiuj ŝatas progreson aŭ kiuj havas inklinon al la lernado de la lingvoj, iĝas Esperantistoj.

Same kiam la telefono estis jus elpensita, la abonantoj estis tre malmutaj. Oni diris: « Aboni vian telefonon postulus de mi monon tro grandan rilate al la trafota plifaciligi de miaj komunikadoj kun miaj konatuloj. « Kaj, pro tio, nur la homoj progresemaj abonis la telefonon.

Sed, samtempe, oni kreis publikajn telefonajn kajutojn, per kiuj la ne-abonintoj je la telefono povis uzi profite tiun mirindan ilon, certiĝis pri ĝia utileco, kaj praktikeco, kaj post abonis ĝin.

Same, mi opinias, ke oni devas krei, en ĉiu urbo, *publikan Esperantan oficejon*, per kiu, la ne-esperantistoj povos uzi profite esperanton, certiĝi pri ĝia utileco, kaj praktikeco, kaj poste iĝos Esperantistoj.

Pri tiuj oficejoj, mi opinias, ke ni devas kaj povas decidi nenion definitivan. En tiaj aferoj, ankoraŭ tute novaj kaj plenaj je ne-antaŭvideblajoj, oni ne devas komenci, farante programon kaj projekton rigidan kaj ne-ŝanĝeblan. Oni devas havi nur ĝeneralan celon, kaj provizoran planon, por ĝin atingi; planon kiun oni ŝanĝetos pli malpli laŭ la cirkonstancoj kaj la ricevota sperto. Do, komence, mi skribis por provo al la prezidantoj de proksimune tridek grupoj kaj demandis al ili:

1-e Se komercistoj (hotelistoj, ktp.) esperantistaj aŭ ne, sendos al vi prezarojn, gvidlibrojn aŭ aliajn propagandilojn individuajn, aŭ multopajn, redaktitajn en esperanto, ĉu vi promesas:

*a*) ilin disdoni, komuniki al la esperantistojn de via urbo, ĉe viaj kunvenoj?

*b*) ilin traduki al la neesperantistojn de via urbo, kiuj petos tion al vi?

*c*) kiel eble plej klopodi por konigi al la publiko esperantista aŭ ne pri kiuj aferoj vi ricevis informojn per esperante redaktitaj broŝuroj aŭ prospektoj, kaj pri kiuj vi povas, konsekvence, doni sciigojn?

*Vidu la sekvon sur la franca parto.*

## AL LA KORESPONDANTOJ

La Sinjoroj korespondantoj de Esperanto-jurnalo pardonos, ke ni ne skribas al ĉiu per aparta letero, sed ili estas tro multaj; kaj ĉar ili faras preskaŭ ĉiuj la samaj demandoj, ni respondas al ili sub tiu ĉi titolo.

— La demandoj pri *kartoj, stampiloj*, kaj *insignoj* de korespondantoj estos solvataj en la venonta administra kunveno.

— La helpa korespondanto principe estas anstataŭulo en la okazoj de foresto de la alia. Tamen ambaŭ povas fari inter si kian ajn regularon.

— Ni tre insiste petas niajn korespondantojn atenti pri la cirkulero kiun ili baldaŭ ricevos rilate la anoncado en la jurnalo. Tiu fakto estas tre grava. Se ili nin helpas, la tuta kosto de la gazeto povos esti pagata de la anoncoj, kaj ni tiel povos fari grandan senpagan disdonadon.

— Pri la vendejoj, ne estas utile ilin sennecese multigi. Estas pli bone havi nur unu vendejon malproksime de la stacidomo, kaj zorgi ke ĉiam tiu ĉi estus provizata. La rezultato atingota estas pli regula vendo ol senutila perdo de nevenditaj ekzempleroj.

— Tre bona propagando konsistas enpresigi en lokaj gazetoj la enhavon de la lasta numero, kun la adreso de la vendejo kaj de l'korespondanto.

— La korespondanto saldas regule (monate) la konton de la vendistoj. Li ricevas mem monon kaj nevenditajn n-rojn. Tiujn ĉi li disdonos por la propagando, distranĉinte la angulon kun la dato, kiun li konservos, por ebligi kontroladon.

— Estas vendeblaj ankoraŭ kelkaj akcioj je la prezo Fr: 25. Statutojn de la Societo ni sendos senpage laŭ peto al la korespondantoj. Aliaj personoj volu aldoni unu frankon al la postulo.

LA ADMINISTRANTO.

## KOMERCO & INDUSTRIO

Ni enpresos regule sub tiu rubriko la komunikajojn rilatajn al la progresoj de Esperanto en la komerco kaj la industrio.

Ni ricevas la jenan leteron:

Estimata Sinjoro,

Ni havas la plezuron sciigi vin ke ni fondis en Parizo sekcion de la Esperantista Grupo Pariza sub titolo:

*Sekcio industria kaj komerca de la Esperantista Grupo Pariza*

Ni estus feliĉaj se vi sciigus komercistaron de via urbo ke komercistoj povas komerci kun pariza komercistaro eĉ ne sciante la lingvon francan, per nia sekcio.

Ni transdonos ĉiun komunikajon Esperantan al iu eĉ ne Esperantista el la komercistaro de Parizo kaj ĉirkaŭurbo.

Ciuj transdonajoj estas senpage.

Ni sendos sciigojn pri komerco pariza al ĉiu kiu sin turnos al ni.

Ni esperas ke vi povos doni al ni adreson de simila oficejo en via urbo al kiu povos sin turni la komercistoj ne sciantaj vian propran lingvon.

Ricevu nian profundan saluton.

*Por la Komitato:*

BALLIMAN

21, rue de l'Arbre-Sec, Paris.

*Esperanto-Jurnalo* publikigos en la sekvantaj numeroj la tutan tekston de la diversaj pecoj definitive akceptitaj en la oficiala programo de la teatra parto. La legantoj de la gazeto povos sekve havi sub la okuloj dum la reprezentadoj la tekston de la kantoj kaj deklamadoj laŭ la deziro esprimata de multuj kongresanoj.

## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esper antistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono: sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas: 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstro-hungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero: 40 centimoj; numero de la Kongreso: 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempajoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ciuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio: S-ro Montrosier, 8*bis*, rue de l'Ecu d'Or, Orléans; Administracio. 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France

**Espero Katolika,** 32-paga revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare: 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraua, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza): 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono: 7 fr. (en Franclando 6 frankoj) Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart, ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto: 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate: Literaturajoj, teatrajoj, karikaturoj Jara abono: 2 fr. 50. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

Aliaj gazetoj ekzistas en lingvoj bohema, bulgara, hispana, hungara, sveda, ktp. Informojn laŭ peto al « Esperanto ».

. . .

**L'Esperantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E,), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo: 3 fr. 50; kun enskribo en la Francan Societon: 4 fr. ĉie. —

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono: 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu: J. Coox, Duffel, Belgique.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio kaj Redakcio: Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novajoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) — Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La delataj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso: Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

**La Revuo,** Internacia monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof. Tiu nova Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura; ĝi enhavas: novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintajoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

